# der esperantist

**Mitteilungsblatt der Esperantofreunde im Kulturbund der DDR**

16. Jahrgang Nr. 99 (1/1980) 30 Pf

*Novjara mesaĝo de la Prezidanto de Universala Esperanto-Asocio*

## La jardeko antaŭ ni

Dum la jardeko, kiu nun malfermiĝas antaŭ ni, la Internacia Lingvo Esperanto fariĝos centjara. Tra la jaroj depost 1887, la lingvo alportis ĝojon kaj feliĉon al milionoj da homoj. Ĝi malfermis la horizontojn al simplaj civitanoj, ĝi dissemis sentojn de internaciismo kaj komprenemo en mondo malpaca, ĝi kreis kulturajn pontojn inter la nacioj, kaj ĝi ebligis praktikan komunikadon inter la homoj en spirito de egaleco.

Ĝia influo etendiĝis preter la uzantojn mem. Scioj akiritaj per Esperanto penetris en la sociojn, kaj la principoj de esperantismo efikis ankaŭ ĉe tiuj, kiuj ne konas la lingvon mem. Kvankam la rivaleco inter la grandaj naciaj lingvoj ankoraŭ regas en multaj internaciaj rilatoj, Esperanto abunde montris, ke ĝi kapablas plene ludi la rolon de efika internacia lingva komunikilo.

Restas tamen la demando, ĉu tiu lingvo plene elprovita fariĝos akceptita de la grandaj internaciaj organizaĵoj, la diverslandaj edukaj sistemoj, kaj la ĉiam kreskanta nombro da homoj, kiuj partoprenas la internacian komunikadon. Restas la demando, ĉu oni utiligos ĝin kiel lingvon de la nova komunika teknologio. Aŭ ĉu oni preferas solvi la internacian lingvan problemon per diskriminaciaj solvoj, favorante certajn naciojn kaj lingvojn, kaj malfavorante aliajn?

La respondo al tiu demando restas parte en la fluo de la historio; sed parte ĝi restas en la manoj de la parolantoj de Esperanto. La mondo ne venos al Esperanto kvazaŭ nature. Se tiel estus, ĝi venus al paco kvazaŭ nature, ĝi venus al malarmado kvazaŭ nature, kaj ĝi estingus homan kruelecon kaj homan mizeron kvazaŭ nature. Male, ĝi venos al Esperanto ĉar la parolantoj de tiu lingvo konscie kaj harmonie kaj sagace laboros por tiu celo, forigante la senscion kaj farante el skeptikuloj konvinkitojn. Oni ofte aŭdas, ke ekzistas antaŭjuĝoj kontraŭ Esperanto, sed vere la ĉefa malhelpo estas senscio, kaj prudentaj duboj forigeblaj per pravaj argumentoj.

Ĉu, do, la jardeko de la 1980aj jaroj estos la jardeko de Esperanto, la jardeko, en kiu oni fine konsciiĝos pri la maljusteco kaj la nenecesaj kostoj de la nuna internacia lingva reĝimo? Lingvoj ne kreskas kiel arbaraj fungoj: ili bezonas jardekojn, eĉ cent jarojn, por maturiĝi. La Internacia Lingvo jam kreskis kaj maturiĝis: ĝi staras nun preta por tiuj, kiuj pretas utiligi ĝin.

En decembro 1979 kompletiĝas 25 jaroj da rekono de Esperanto flanke de UNESKO: la fama rezolucio subtena al Esperanto estis akceptita de la Ĝenerala Konferenco en 1954. Tiu datreveno koincidas kun nova erao en la rilatoj kun UNESKO kaj UN, inaŭgurita de la vizito de la Ĝenerala Direktoro de UNESKO al nia kongreso en 1977 kaj nun de la malfermiĝo en Novjorko de nova oficejo de UEA kies specifa celo estas fortigi la rilatojn kun UN. En la jaro nun finiĝanta la sekretario de Ekosok vizitis nian kongreson, kaj UEA estis elektita al gvida rolo en la konstanta komitato de neregistaraj organizaĵoj ĉe UNESKO.

UEA mem estas pli forta, pli harmonia kaj pli finance kaj morale stabila ol ĝi eble iam ajn estis. Niaj membroj estas lojalaj kaj sindonaj. Kaj novaj moviĝoj de intereso pri Esperanto animas kontinentojn antaŭe apenaŭ tuŝitajn de la Internacia Lingvo.

Staras preta la lingvo. Malfermiĝas al ni iom post iom la internaciaj organizaĵoj, la publika opinio. Pretas nia Asocio. Je tiu ĉi favora epoko, je la sojlo de nova jardeko, ni rededIĉu nin al la laboro por la Internacia Lingvo per novaj fortoj. La jaro 1980, kaj la tuta jardeko, kiun ĝi inaŭguras, alportu pli pacan, justan kaj harmonian mondon, kie la spirito de egaleco kaj kompreniĝo animas ankaŭ la lingvan kampon per la Internacia Lingvo Esperanto.

*Humphrey Tonkin*

## Trajno de Amikeco al Leningrad

Lige kun la 30a datreveno de la fondiĝo de nia respubliko veturis Trajno de Amikeco al Sovetunio. Tiaj trajnoj organizitaj de la Societo por Germana-Soveta Amikeco jam estas tracicia ebleco por plimultigi kaj pliprofundigi amikajn kontaktojn inter niaj popoloj. La trajno ekveturis dum fino de oktobro 1979 el la distrikto Dresden. Inter la 420 partoprenintoj ankaŭ estis grupo da esperantistoj – fakto kiu estis tre atentita kaj ĉiam menciita dum oficialaj okazoj.

En Minsk, Moskvo kaj Leningrad nin partoprenintojn atendis frosta vintro, varma kora akcepto, interesa programo kaj por nia grupo instigaj renkontiĝoj kun sovetaj esperantistoj. Ni revenis komence de novembro plene de emociigaj impresoj.

En nia memoro speciale restas vizito en Hatin (ĉe Minsk), simbolriĉa memorejo de la bjelorusa popolo, kiu perdis pro la milito kaj faŝismo kvaronon de sia loĝantaro. Dum vintra tago, en glacia vento staris ni, kelkcent germanoj, sur grundo de ekstermita vilaĝeto, konfrontitaj al simbole ŝtonigitaj faktoj. Ĉiuminute eksonis sonorileto el unu de 26 kamentuboformaj kolonoj anstataŭigantaj iamajn domojn. Ŝtona fragmento simbolis grenejon en kiu mortbruliĝis la loĝantaro, de bebo ĝis sepdekjarulo. Longa muro interrompita per latisoj, prezentiganta la nombron de koncentrejoj sur bjelorusa tereno. Unika tombejo, sur kiu ĉiu ŝtontabulo simbolis ekstermitan vilaĝon. Fine kvadrato, dividita en 4 partojn, en tri po unu betulo kaj en la kvara brulas fajro – nombro de viktimoj.

Minsk, giganteca kaj preskaŭ tute nove konstruita urbo, post la milito. Oficiala akcepto kun orkestro sur perono en Moskvo, solena defilado tra Lenin-Maŭzoleo, imponaj metroo-stacioj, belege restaŭritaj preĝejoj antikvaj, vizitoj de la Tutrespublika Ekspozicio. Leningrad, plejgranda subĉiela muzeo arkitektura kaj same granda industria centro. La korega akcepto evidentigis jam ekzistantajn multflankajn kontaktojn inter la ĝemelaj urboj Dresden kaj Leningrad.

Multspecaj kontaktoj kamaradecaj kun esperantistoj kaj la estraro de ASE (Asocio de Sovetaj Esperantistoj). Prosperas la Esperanto-movado, estas potencaj protektantoj, Amikeca Societo, Sindikato kaj Komsomolo.

En Minsk oni prezentis la sonfilmon „Kvar ĉapitroj GDR“. En Leningrad okazis tre sukcesa aranĝo kun leningradaj esperantistoj, kies honora prezidanto, vicprezidanto de ASE, prof. S. N. Podkaminer, estis distingita per la Honorinsigno de Centra Laborrondo.

Ĉie ni vidis preparojn por la granda festo de l'Ruĝa Oktobro. Impresis nin la vasteco kaj giganteco speciale je konstruado, kolonoj, oro, klasicismaj elementoj en la nuntempa arkitekturo. La tuta vojaĝo estis laŭdinde preparita kaj tute atingis siajn celojn, kontribui al firmigo de la germana-soveta amikeco per konatiĝo kun lando kaj homoj kaj per personaj kontaktoj. Krome ĝi konatigis kun kaj entuziasmigis per Esperanto.

*Rudolf Hahlbohm*

*Internacia seminario en Bad Saarow / GDR*

## Socipolitikaj aspektoj de la Esperanto-movado

Kutime precipe interesas la lingvistikaj aspektoj de la internacikomunikada demando kaj de la planlingvo Esperanto. Pri tio kaj lastatempe ankaŭ pri politikaj, ekonomiaj, juraj kaj aliaj aspektoj de la lingva problemo pli kaj pli ofte aperadas studoj, estas organizataj kolokvoj kaj seminarioj, debatas universalaj kaj junularaj kongresoj.

Nur tre malofte, tamen, oni donas atenton al la esperantista lingva komunumo, al tiu kolektivo, kiu tenas kaj pluevoluigas tra jam preskaŭ 10 jardekoj la internacian lingvon.

Ĉu la gvidantoj de la internacia Esperanto-movado, de la landaj kaj fakaj asocioj scias sufiĉe pri tiu objekto de ilia gvidado? Ĉu ili vere scias sufiĉe pri la karakterizaĵoj de la movado, pri ĝiaj ideaj kaj ideologiaj strukturoj, la sociologia konsisto de la parolantaro, pri la motivoj de la membroj siatempe aliĝi al Esperanto kaj sin engaĝi por ĝi k. t. p., k. t. p.? Certe, intuicie oni scias, supozas, sed tro malmulte.

Evidenta pli kaj pli iĝas la kontraŭdiro inter la altaj pretendoj de la Esperanto-movado oferti solvon de la monda lingva problemo kaj la nivelo de la gvidado de la movado. Transformiĝo necesas, atingo de pli alta nivelo. Sed tio postulas pli da scio **pri** la movado pri ĝiaj sociopolitikaj aspektoj.

Jen la temo „Socipolitikaj aspektoj de la Esperanto-movado“ de internacia seminario, kiun organizis Centra Laborrondo Esperanto en Kulturligo de

GDR de 18a ĝis 24a de novembro 1979 en la gastodomo de la Prezidio de Kulturligo en Bad Saarow ĉe Berlin.

Post la tre sukcesa internacia seminario „Sciencaj aspektoj de Esperanto", okazinta de 17a—23a de aprilo en Ahrenshoop/GDR (libro kun la materialoj aperos komence de 1980) nun okazis dua, kun aparta konsidero de la karakterizaĵoj de la Esperanto-movado. Partoprenis ĝin elstaraj teoriistoj kaj gvidaj funkciuloj de la Esperanto-organizaĵoj el Bulgario, ĈSSR, GDR, Hungario, Pollando, Rumanio, Sovetunio kaj krome gastoj el Italio, Japanio kaj Svedio. La 38 partoprenintoj, ĉiuj gastoj de CLE, aŭskultis 26 prelegojn kaj pli ol 200 diskutkontribuojn.

Jen la prelegotemoj: „Socipolitikaj aspektoj de la Esperanto-movado", enkonduko *(D. Blanke)* / „Nacio kaj lingvo" *(J. Jermař)* / „Lingva politiko en evolulandoj" *(R. Corsetti)* / „Sistemo de la lingvouzo en internaciaj rilatoj" *(A. Ratkai)* / „Internacia komunikado en rilato al la evoluo de la produktivaj fortoj kaj kondiĉoj" *(K. Raabe)* / „Politikaj aspektoj de la internacia lingvo" *(M. I. Isajev)* / „Esperanto kaj politiko" *(R. Corsetti/Maŭro La Torre)* / „Objektivaj premisoj por la partopreno de la esperantistoj en la pacbatalo" *(N. Aleksiev)* / „Realismaj kaj progresemaj konceptoj en la Esperanto-movado de la nuntempo" *(I. Pethes)* / „Pri antikomunismo en la nuntempa Esperanto-movado" *(J. Jermař)* / „Sekteco en la Esperanto-movado" *(D. Blanke)* / „Pri la duvizaĝeco de la sennaciismo en la intermilita periodo" *(A. Ratkai)* / „Evoluo kaj aspektoj de la ideologio de Zamenhof sub nuntempa vidpunkto" *(C. Murgin)* / „La Esperanto-movado: spegulo de ĝenerala socio: Italio, Japanio, Svedio" (3 prelegoj: *R. Corsetti, Y. Sato, J. Skogeklint)* / „Sociologiaj aspektoj de la Esperanto-movado" *(L. Knöschke)* / „La loko de la Esperanto-asocio en la organizita socialisma socio — politikaj kaj juraj aspektoj" *(B. Staszczek)* / „Esperanto kaj la kulturaj kaj estetikaj valoroj" *(V. Ĉoĉov)* / „La formiĝo de internaciismaj personecoj" *(T. Tyblewski)* / „Kongresrezolucioj" *(A. Ratkai)* / „Denaska Esperantismo" *(A. Ratkai)* / „Aspektoj de la Esperanto-literaturo" *(V. Benczik)* / „Pola Studenta Esperanto-Komitato" *(V. Stec)* / „Pri la agado de TEJO" *(C. Lendvay)* / „La Esperanto-movado kaj ĝiaj rilatoj al la neesperantista socio" *(T. Vasko).*

La seminario nur povis tuŝi abundon da problemoj plutraktendaj. Cetere, tri profesiaj lingvistoj neesperantistaj kun atento kaj fortega interesiĝo observis la funkciantan Esperanton, uzatan de 10-landa ĉeestantaro por prelego, disputo, amika babilado k. a., entute pli granda afiko ol multaj prelegoj pri Esperanto!

Menciindas plue la kortuŝa filmo pri Hiroŝima kaj Nagasaki, montrita de la japana kaj italaj ĉeestintoj. La ekskurso al Berlin (ĉefurbo de GDR) kaj la neformala renkontiĝo kun la Dua Sekretario de Kulturligo *d-ro G. Mertink.*

Certe la seminario vekos eĥon, stimulos similajn aktivecojn kaj konsciigos pri la graveco de la traktita temaro.

*Pli ol 20 jaroj:*

## Esperanto en Radio Varsovio

Antaŭ pli ol 20 jaroj, je la 4a de aprilo 1959, Pola Radio en Varsovio komencis dissendi siajn Esperanto-programojn. Tiutempe nur unu programo estis dissendita ĉiutage; nun jam ekde multaj jaroj ni povas aŭskulti tri regulajn programojn de 30 minutoj en ĉiu tago. La matena Esperanto-programo estas disaŭdigata je 6a h. per la ondolongoj de 41,27 m (7270 kHz), 48,90 m (6135 kHz), 50,04 m (5995 kHz), 200 m (1502 kHz). La posttagmeza programo je 16.30 h. estas aŭdebla per la kurtondo de 42,11 m (7125 kHz) kaj la vespera programo je 22.30 h. ni povas aŭdi per la ondlongoj de 41,48 m (7285 kHz), 49,22 m (6095 kHz), 50,04 m (5995 kHz) kaj ankaŭ per la mezondo de 200 m (1502 kHz).

La Esperanto-Redakcio preparas tre variajn programojn, kiuj enhavas novaĵojn de la radia ĵurnalo, komentariojn pri polaj kaj internaciaj aferoj kaj felietonojn pri soci-ekonomiaj, pri sciencteknikaj kaj pri kulturaj temoj. Specifaj kaj precipe interesaj Esperanto-programeroj estas la Esperanto-ekspreso de dimanĉo vespere (kelkfoje ankaŭ jam posttagmeze), la programero „Aŭskultantoj por aŭskultantoj" de lundo vespere, per kiu la aŭskultantoj" povas saluti siajn geamikojn, kaj la „Leterkesto" de ĵaŭdo vespere, en kiu la Esperanto-Redakcio priparolas alvenintajn korespondaĵojn de la aŭskultantaro. Dum tiu programero ni ankaŭ povas aŭdi, kiuj aŭskultantoj kaj kiuj landoj estas la plej aktivaj en la korespondado kun Radio Varsovio. Ĉiuj tiuj programeroj estas ripetataj en la matena programo de la sekva tago.

Ĉiuj parolantoj de la Esperanto-Redakcio parolas modelan Esperanton en normala rapideco. La aŭskultado postulas de ni iom da sperto kaj praktiko. Ofte la unua parto de la programoj (novaĵoj) estas parolata sufiĉe rapide, la sekva komentario jam malpli rapide, kaj la dua kvaronhoro estas parolata kvazaŭ malrapide.

La Esperanto-programoj estas aŭdeblaj preskaŭ per ĉiu normala radioricevilo, ĉar la stacio dissendas sufiĉe forte. Je la komenco de la aŭskultado oni bezonas iom da pacienco, por trovi la koncernajn ondolongojn sur la skalo de la ricevilo. Mi rekomendas, ke oni faru signon sur la skalo, kie troviĝas la ĝusta punkto de la stacio, mi mem surgluis mallarĝan paperstrieton sur la skalon, kie troviĝas en la 41 kaj 49 m-bendo la supre menciitaj ondolongoj en kHz. Sur tiun strieton oni facile povas fari streketon, por retrovi la stacion.

Memkompreneble la Esperanto-Redakcio urĝe bezonas la skriban kontakton kun la aŭskultantaro. Pro tio oni petu pri la programfolieto. Se eble oni skribu al la redakcio pri la propraj spertoj, pri la aŭdebleco kaj pri la enhavo de la programoj. Jen la adreso: Pola Radio, Esperanto-Redakcio, 00-950 Varsovio, Poŝtkesto 46, VR Polen.

Paul Thomas

Ni tre volonte publikigas la interesan kontribuon de Paul Thomas pri Radio Varsovio. La artikolo mem. tre elokvente pruvas la grandan valoron de la ĉiutagaj disaŭdigoj. Kion eble ne ĉiu scias, estas la fakto, ke Paul Thomas kaj lia edzino Trude apartenas al la plej fidelaj aŭskultantoj kaj korespondantoj de Radio Varsovio en internacia skalo.

— La Red.



*Michael Lennartz*

## *Ĉiam novaj vojoj*

Kelkaj rimarkoj pri la laboro de junaj esperantistoj en GDR.

Jam de multaj jaroj Centra Laborrondo Esperanto en Kulturligo de GDR dediĉas specialan atenton al la junulara laboro. Ĝi fondis apartan Junularan Komisionon, kies historio respegulas la malfacilan sed konsekvencan agadon por la plijunigo de la esperantistaro en GDR (plijunigo nur meznombra. ne ĉiupersona!). Du specialaj trajtoj markas la junularan movadon ĝenerale: Unue ĉiu organizo aŭ movado konscias, ke ĝi povas laboradi kaj aktivadi nur KUN la junuloj.

Due junaj homoj ne ĉiam estas kaj restas junaj, ili pliaĝiĝas kaj eliĝas el la junularo. Kromas iuj faktoj, kiuj estas ĝojigaj por la unuopuloj sed senpersonigaj por la organizoj: geedziĝo, naskoj, fino de lernado, profesilernado kaj studado, servo en la armeo.

Ĉi ĉion ankaŭ spertas la esperantistoj. Oni ĝojas pri alfluo de junuloj — subite la esperantontoj estas — intaj. Antaŭ nemultaj jaroj pluraj Distriktaj Laborrondoj povis fiere raporti pri la estiĝo de junulara grupo. Ili donis al la junuloj plenan liberecon — kaj la junuloj utiligis tion por forkuri. Aliaj distriktoj sciis formi stabilajn junularajn grupojn, kiuj de jaro al jaro plifortiĝas. Pozitive mencii mi volas ĉi tie nur la distriktojn Dresden kaj Neubrandenburg. Dresden sendis ĉirkaŭ kvinonon da ĉiuj junuloj, kiuj partoprenis la pasintan Trian Centran Renkontiĝon en Rostock. Kaj Neubrandenburg antaŭ malmultaj semajnoj okazigis junularan renkontiĝon, kiun gvidis 16-jara lernantino parolanta bonan Esperanton!

La junularan laboron ankaŭ subtenas la ĉiam plijuniĝanta Junulara Komisiono, kiu organizas ĉiun jaron almenaŭ unu junularan seminarion kaj neregule aperigas informilon „Junulara Cirkulero". Sed — kaj denove mi devas iomete kritiki — la JK povas funkcii nur per la kunlaboro de la distriktaj estraroj. Bedaŭrinde eĉ ne ĉiuj distriktoj estis sendintaj 1978 al Rostock (III-a Centra Renkontiĝo) junularan reprezentanton! Preskaŭ neniu rajtas diri ke en lia distrikto ne ekzistas junuloj. Ĉar — bedaŭrinde — mi havas sliparon, kiu pruvas, kie troviĝas junaj (ofte eĉ aktivaj) esperantistoj, kiujn la respondeculoj ne konas. Kial ili ne konas? Plej ofte simple tial, ĉar kelkaj kursestroj nek informas la distriktestrojn pri la junularo, nek la junulojn pri la movado en nia respubliko, pri KL, VEA, MEM, TEJO ktp. Do — unu el la plej gravaj problemoj de nia organiza (ne nur junulara) laboro estas la informado — malgraŭ du komunaj lingvoj germana kaj E-ta.

Mi ĝis nun tre larĝe raportis pri nia situacio ĉar oni devas koni kaj nomi la demandojn, antaŭ ol oni povas ŝanĝi aŭ plibonigi ion. Kaj la renkontiĝo en Rostock kaj la junularaj seminarioj prezentas bonajn eblecojn kompari la labormetodojn, interŝanĝi opiniojn kaj lerni unu de la alia. Tie, kie la ĝisnunaj labormetodoj ne helpis starigi bone funkciantan junularan la-

## Nochmals Fachkommission Technik X

Die Anforderungen an die sprachlichen Ausdrucksmöglichkeiten auch des Esperanto wachsen mit fortschreitender Wissenschaft und Technik wegen der Fachterminologien und damit der Fachsprachen. Immer häufiger werden durch Esperanto persönliche internationale Verbindungen auf Fachbasis aufgenommen und zum Erfahrungsaustausch und zur Erörterung und Lösung von fachlichen Poblemen genutzt.

Seit einiger Zeit entwickeln die Techniker-Esperantisten, besonders des ungarischen, des tschechischen und des slowakischen Esperantistenverbandes, in technischen Sektionen organisiert, eine wertvolle, wenn auch innerhalb der Esperantoverbände der sozialistischen Länder wenig koordinierte Initiative. Wesentliche Arbeitsergebnisse liegen vor z. B. im „Ĉeĥa-esperanta teknika vortaro“ und in einem mehrsprachigen Fachwörterbuch Rechentechnik, erarbeitet unter der Leitung und überwiegenden Mitarbeit ungarischer EDV-Esperantisten. Erschienen ist auch „listo de 1317 akvomastrumadaj terminoj 11-lingve“, zusammengestellt von Dr. Dudrich (Budapest), Dr. Ing. Haszpra (Budapest) und Ing. Bednarik (Bratislava) – um nur einige zu nennen. In Arbeit befindet sich ein „Aeronaŭtika terminaro“.

Bei der Erarbeitung einiger hier genannter Fachwörterbücher bzw. Wörterverzeichnisse sind auch Techniker-Esperantisten aus der DDR beteiligt, die sicher ihre wertvollen Erfahrungen in der Fachkommission Technik beim ZAK zur Verfügung stellen werden. Eine wirksame Form der Erprobung und Anwendung von Esperanto in der Technik sind internationale Konferenzen, wie zum Beispiel diejenige in Žilina im Oktober 1978. (s. „de“ Nr. 94, S. 15). Die nächste Konferenz dieser Art wird wahrscheinlich im August 1980 in Usti nad Labem/ČSSR stattfinden und ist somit für Teilnehmer aus der DDR leicht erreichbar.

Träger der Aktivität der Techniker-Esperantisten sind in den Esperanto-Verbänden unserer Bruderländer die technischen oder wissenschaftlichen Sektionen dieser Verbände. Der Beitrag der DDR-Esperantisten zur Herausbildung und Entwicklung der Fachsprachen der Technik war bisher ungenügend, nicht zuletzt wegen des Fehlens einer Fachgruppe Technik. Gegenüber unseren ausländischen Freunden gibt es hier viel aufzuholen, ganz abgesehen davon, daß der Umfang der Aufgabe die Mitarbeit aller erfordert. Deshalb soll eine Fachgruppe Technik beim ZAK gebildet werden. Einige Meldungen von Interessenten liegen bereits vor. Weitere Fachleute, vor allem Ingenieure, Techniker, technisch interessierte Ökonomen und Vertreter anderer Berufe, die sich an der Arbeit der Fachkommission Technik beteiligen möchten, melden sich bitte bei Richard Partecke, 59 Eisenach, Am Ofenstein 5.

---

(resto de p. 6)

boron, oni devus iri novajn vojojn: Ne kopii iun recepton sed analizi la konkretan situacion kun la junuloj (ne nur kadre de DLR), listigi ideojn kaj realigi la du plej sukcespromesajn. Sendube kelkloke okazos komencaj malvenkoj – sed ekzistas la konata proverbo: Per penoj al steloj (ankaŭ Esperantaj).

Die nächsten Aufgaben der zu gründenden Fachkommission könnten sein:

1. *Aufnahme der Verbindung mit den technischen Sektionen der Esperanto-Verbände der sozialistischen Länder und Abstimmung von mittel- und langfristigen Arbeitsprogrammen, speziell zur terminologischen Arbeit,*

2. *Weiterführung der terminologischen Arbeit auf nationaler und internationaler Ebene, Erarbeitung eines 2000-Worte-Fachwörterverzeichnisses „Mikroelektronik", mehrsprachig (Esperanto, Russisch, Englisch, Französisch, Deutsch, gegebenenfalls auch Polnisch, Ungarisch, Tschechisch, Slowakisch und Bulgarisch).*

3. *Erarbeitung oder Übersetzung von Fachvorträgen in Esperanto und Vorbereitung von Beiträgen für die Konferenz in Usti nad Labem und für andere Veranstaltungen.*

*R. Partecke*

## SAEST-1980, Seminario: Apliko de Esperanto en la scienco kaj tekniko

Post la sukcesa seminario en Žilina en oktobro 1978 (kp. „der esperantist" 2/79, p. 15-16) alpaŝis la ĉeĥa ST-sekcio al preparoj de la dua samtipa aranĝo. Ĝenerala plano de la seminario estis aprobita de la asocia estraro julie.

SAEST okazos en Usti nad Labem en la lastaj tagoj de aŭgusto 1980. Pli precizajn datojn vi trovos en niaj sekvaj numeroj.

La apliko de Esperanto por fakaj komunikoj kaj konsultoj estas en komenca fazo de disvolvo, tial enhavo de la seminario estas planata plejparte kiel interfaka. Ĝia tuta laborprogramo estos dividita al tri partoj:

1. Lingvistika parto estos orientita unue al kreado de fakaj terminoj, al faklingva normigo, due al problemaro de tradukado de fakaj tekstoj.

2. La faka parto estas direktata al rilato de opaj sciencaj branĉoj al problemaro de vivmedio.

3. En la lasta parto ni konsideras apartajn fakajn, terminologiajn kaj organizajn konsultojn de ĉeestantaj samfakuloj.

La seminarion certe partoprenos ankaŭ eksterlandanoj. Loko de la seminario estas laŭ situo favora por partoprenontoj el GDR. Pri la seminario donas informojn provizore Inĝ. J. Werner, Kroftova 84, Brno CS-61600.

La kvarmembran organizan komitaton eniras d-ro Inĝ. L. Fritsch, Inĝ. Z. Pluhař kaj Doc. RNDr. V. Novobilský, CSc. En resto de la nuna jaro ni devas zorgi precipe pri prelegoj. Ni demandas vin, ĉu vi bonvolas prelegi (10—20 minutojn) aŭ komuniki koncizan informon (1—5 minutojn). En pozitiva kazo turnu vin al la komitatano Inĝ. Zdeněk Pluhař (adr.: Holovousy v Podkrkonoŝi 109, CS-50 751) kaj informu lin pri la temo kaj daŭro de prelego aŭ komuniko.

# Rudolf Hahlbohm – 70jara



La 2-an de januaro 1980 kamarado Rudolf Hahlbohm, prezidanto de Centra Laborrondo Esperanto en Kulturligo de GDR, fariĝis 70jara. Li povas retrorigardi al laborriĉa kaj multflanka vivo.

Filo de laborista familio li lernis la profesion de litografo kaj en 1961 fariĝis diplomita teatroscienscisto. Jam kiel profesilernanto li aktivis en la sindikatoj kaj komunista junulara (1926) organizo. 1933 oni ĵetis Rudolf Hahlbohm por kelkaj monatoj en la koncentrejon Sachsenberg.

Li studis pentroarton kaj grafikojn kaj pentris multajn bildojn. Post la milito Rudolf Hahlbohm laboris kiel sendapenda artisto: pentrado, ilustrado, pentraĵo de teatroscenejaj elementoj, pupteatro.

En la jaro de la fondiĝo de GDR li ekgvidis pupteatron en suda GDR, laboris poste en la filmentrepreno DEFA prepare al la pupfilmado. Dum la kvindekaj jaroj li plu specialiĝis pri pupteatro kaj laboris en centra domo por kulturlaboro en Leipzig kaj fine gvidis pupteatron en Berlin (dum 11 jaroj en la Pionirparko „Ernst Thälmann"). Dum kelkaj jaroj Rudolf Hahlbohm reprezentis GDR en la internacia unuiĝo de la pupteatristoj UNIMA, kie li ankaŭ pledis por Esperanto. Li estis prezidanto de la GDR-centro por pupteatroj. La lastajn jarojn antaŭ pensiuliĝo Rudolf Hahlbohm estis sekretario por junularaj maturiĝsolenaĵoj en subdistrikto de Berlin kaj nun laboras en la Muzeo por Germana Historio.

Esperanton li lernis antaŭ 1933 en la Laborista Esperanto-Asocio kaj 1965 apartenis al la fondintoj de Centra Laborrondo Esperanto. En Berlin, unue kiel prezidanto de la Distrikta Laborrondo, li gvidis kelkajn Esperanto-kursojn. Ekde la fondo de CLE membro de ties prezidio, kaj poste vicprezidanto li elektiĝis post la morto de Rudi Graetz prezidanto de CLE.

Ni kore gratulas al Rudolf Hahlbohm okaze de lia vivojubileo kaj deziras al li ĉion bonan, sanon kaj bonfarton por la estonteco.



**Becher-medalo en oro por Rudolf Hahlbohm**

La prezidio de Kulturligo distingis la prezidanton de CLE Rudolf Hahlbohm per la Johannes-R.-Becher-medalo en oro por lia 30jara kulturpolitika agado en GDR kaj por lia aktiva Laboro en Centra Laborrondo Esperanto.



*Prof. d-ro F. J. Bociort*

## La dua interkonsiliĝo de Kolektivo Esperanto-Interlingvistiko

**(Timisoara, 22. – 23. de septembro 1979)**

Kiel la unua (bv. vidi „der esperantist", n-ro 93/1/1979, p. 14 – 15), ankaŭ la ĵusa Interkonsiliĝo de K. E. I., veniginta universitatanojn, esploristojn, studentojn k E-parolantojn el la urboj Arad, Baia Mare, Bukureŝto, Caransebes, Iasi, Lupeni, Mangalia, Medias Odorheim Secniesc, Oradea, Resita, Timisoara k. a., havis trioblan karakteron: organizan, sciencan k kulturartan. Diference de la pasinta jaro, la interkonsiliĝon stampis ĉijare pli multnombra kaj aktiva bukureŝta partoprenantaro, inkluzive de la gestudentoj. El la eksterlando ĝin salutis k-doj Konstantinov, estrarano de BEA k Cankov, delegito de UEA, en la bulgara urbo Ruse.

La unua kunsido – matene la 22an de septembro – komenciĝis per momento de silento je la rememoro por la lastatempe forpasintaj esperantistoj aŭ simpatiantoj: Nic. V. Bulencea, estetikisto Ion Pascadi (KEI-ano), Tibor Szász k Losif Teleky.

Post la legado far univ. prof. d-ro I. F. Bociort, (estro de KEI), de la saluto turnita al la interkonsiliĝo de prof. d-ro Vasile Serban (dekano de la Filologia Fakultato en Timisoara) prof. A. Boia, vicestro de KEI, prezentis la agadraporton por 1978/1979, evidentigante relative riĉan esperantologian agadon. Koncizaj raportoj pri la loka agado prezentis: I. Bunea-Bunescu (Bukureŝto), M. Trifoj (Baia Mare), K. Bilous-Nagy (Odorheim Sesniesc), prof. d-ro A. Vraciu (univ. de Jasi), asist. C. Dominte (Bukureŝto.) Ĉe la fino de la unua organiza kunsido oni omaĝis la veteranojn S. Osias k A. Boia pro ilia E-agaddaŭro (56 resp. 50 jaroj da agado).

Posttagmeze de la sama tago okazis scienca sesio, dum kiu, krom la prezentado de libroj k aliaj E-laboroj, far precipe la gestudentoj (*Lingvistika Simpozio,* referaĵo de prof. E. Preda, Caransebes; *Taschenlehrbuch Esperanto* k *R. Schulz, Mein geliebtes Esperanto,* de stud-inoj E. Teuzer, resp. S. Reisenhauer; la studaro *Socipolitikaj aspektoj de la Esperanto-movado,* stud-ino M. Dobre, Timişoara; *Bibliografiaj signalaĵoj pri Esperanto en Rumanio,* stud-ino D. L. Ilin, Bukureŝto; *Apliko de Esperanto en la scienco kaj tekniko, Žilina, ČSSR, okt. 1978,* stud. R. Wire, Timişoara; *Lingva imperiismo,* laŭ artikolo de R. Corsetti en „Kontakto", 2/1978, lernanto Fl. Bociort, Timisoara), oni aŭskultis sciencajn komunikaĵojn, kiuj celis tre diversajn aspektojn de la fenomeno Esperanto: teoriajn (*Nuntempa vidpunkto pri la planlingvoj,* univ. asist-ino I. Prioteasa, Bukureŝto; *La mark-*

*sisma-revolucia konceptado de internacia lingvo,* S. Osias, Bukureŝto), historiajn *(Pri la publikigo de la gazeto „La esperantisto" en 1889,* univ. lekc. d-ro I. Bettisch, Rosita), lingvajn *(La lingva diskriminacio k lingvaj fundamentoj de Esperanto,* ambaŭ de univ. doc. d-ro Apreotesi; *Kuntiriĝintaj formoj en Esperanto,* prof. A. Boia, Bukureŝto), metodikajn *(Esperanto-Metodiko,* univ. asist. I. Iercan, Timişoara; *Nova metodo por ebligi al la komencantoj rapide asimili la plenan vortaron,* M. Cretulescu, Bukureŝto), terminologiajn *(Pri la sporta terminologio,* univ. asist. d-ro Sv. Otasevici, Bukureŝto). La sesio finiĝis per diskutado, kiun partoprenis univ. doc. d-ro C. Apreotesei, univ. prof. d-ro A. Vraciu, I. Bunea-Bunescu, S. Osias, Prof. A. Boia, K. Bilous-Nagy, univ. prof. d-ro I. F. Bociort k la subskribinto. Dum la mateno de la posta tago disvolviĝis la kultur-arta programo, tre riĉa k varia, gvidita de univ. doc. d-ro C. Apreotesai. Jen, detale, preskaŭ ĉiuj programeroj prezentitaj: pupteatraĵa sceno el *Knabineto serĉas kanzonon* de Alecu Popovici (esp. Lozefo Petrin) kun la partopreno de la timişoara-aj aktorinoj Casapu k Vlad; *Lulkanto* de Schubert, kantita esperantlingve de grupo el la koruso „Schubert" en Timişoara (A. Nucâ-Barzer, J. Hügel, E. Denes); la unua rumana filmeto kun komento en E-o, *La gaja tombejo en Sâpînta,* realigo de Adriana Cutoi, legado de la komentoj: E. Criucau (amatora kinoklubo en Baia Mare); dufoje, brile k senkompare deklamis po unu serio da poemoj, la konata bukureŝta deklamanto de la E-klubo, Petre Teodorescu (lia programo konsistis el originalaj versaĵoj de Zamenhof, Kaloscay, Hoĥlov, Schwartz, A. Boia k el verkoj de la rumanaj poetoj B. P. Hasdeu, Al. Philippide, V. Cerianopol, A. Pânnescu, esperantigitaj de C. Dominte k de li mem); la sceneto *Telefona parolado* laŭ Lienhardt k E-kantoj prezentitaj de virina triopo el Odorhei, sub la gvido de K. Bilous-Nagy; la subskribinto prezentis sian adaptaĵon al E-ode la porinfana poeziaĵo *Paco,* okaze de la Internacia Jaro de la Infano; poeziaĵojn esperantigitajn el la verkoj de la rumanaj poetoj G. Bacovia k L. Blega prezentis la bukureŝta stud-ino Aura Svare; aŭtobiografia elvoko — S. Osias. Oni aŭskultis parton de disko kun kantoj de V. Damjanov k fragmenton surbendigitan el zagreba disaŭdigo, la rumanlingvan poeziaĵon *Esperanto* de la fama rumana nuntempa poeto St. Aug. Drinas (Esp. versio: A. Boia) kaj — fine — oni kolektive kantis en E-o *La Guantanamera.*

Sekvis mallonga organiza momento, celante la plibonigon de la agado de KEI, nome: starigon de „Delegitoj" de KEI en 20 urboj de la lando.

Ĉiuj partoprenintoj disiĝis pli riĉaj spirite, kun neforgeseblaj memoroj k kun la forta espero renkontiĝi ankaŭ venontjare, dum la tria interkonsiliĝo. Entute, kompare kun la antaŭa, la ĉi-jara interkonsiliĝo montriĝis nete supera aranĝo k — sekve — pruvis novan sukceson en la agado de KEI.

*Univ. asist. C. Dominte, Bukureŝto*

# Nova internacia diskutforumo

*Grava evoluo de la „Somera Esperanto-Universitato“ de Gyula*

Kiel konate, la Somera Esperanto-Universitato en urbo Gyula, dum 18 jaroj jam sukcesoplene plenumis deksep kursojn konsistantajn ĉefe el popularsciencaj prelegoj.

Dum la lastaj jaroj komenciĝis elformiĝi ideoj pri la pliefikigo de tiu parte kultura, parte scienca aranĝaĵo. Oni decidis por la estontaj kursoj de SEU:

Jam dum la SEU-kursoj en 1980 (inter la 6a kaj 12a de julio), apud la ĝisnunaj popularsciencaj prelegoj oni organizos ankaŭ sciencajn grupkunvenojn pri kelkaj gravaj temoj. Tiuj grupkunvenoj havos sciencan karakteron. Praktike ili povas konsideriĝi kiel seminarioj aŭ fakkonferencoj.

Dum la grupkunvenoj oni prezentos mallongajn fakprelegojn, 10-20 minutajn, kiujn sekvos libera diskuto. La materialon de la malgrandaj prelegoj oni intencas eldoni ĝis antaŭ la kurso kune kun la popularsciencaj prelegoj. Tio prezentos pli bonajn antaŭkondiĉojn por pridiskutado.

En 1980 du sciencaj temoj estos diskutataj enkadre de grupkunvenoj:

1. La aktualaj problemoj de la lingva komunikado en la sciencoj.
2. Aktualaj problemoj de la geosciencoj en la Danubo-baseno.

La unua temo strikte kontaktiĝas al similtitola prelego de universitata profesoro d-ro Haszpra, dum la dua estos scienca kontinuo de la lasta prelego de la plujara serio „Laŭlonge de la blua Danubo“.

Ni aldonu, ke la vorto geoscienco kovras ĉiujn sciencojn okupiĝantajn pri la Tero kaj ties atmosfero (geologio, geografio, geofiziko, hidrologio, meteologio k. a., konsiderante kompreneble ankaŭ la ŝanĝojn kiujn la homa agado kaŭzas en la naturaj kondiĉoj). Kvankam temas speciale pri la Danubo-baseno, malkovroj, kiuj koncernas pli vastajn areojn, eĉ tutglobajn leĝojn, tendencojn, povas esti prezentataj, se la rilato al la Danubo-baseno estos demonstrita.

Ni petas ĉiujn fakulojn, kiuj volas partopreni la aranĝaĵon (kiu kostos ĉ. 1400 forintojn), anoncu sin al la Scienca Komisiono de HEA, H—1368 Budapest, Pf. 193. Speciale ni petas sinanoncon de tiuj, kiuj volas prezenti prelegon en iu aŭ ambaŭ el la grupkunvenoj. Bonvolu sendi mallongan resumon de la planata prelego.

### Jugendtreffen bei Potsdam

Vom 19. — 24. Mai 1980 treffen sich die jungen Esperantisten aus der DDR mit ausländischen Freunden zum „Printempa Renkontiĝo“ bei Potsdam.
Teilnehmerpreis: 85,00 M (Übernachtung, Verpflegung, Programm)
Anmeldungen bei Michael Lennartz, 172 Ludwigsfelde, Eschenallee 45/0707

## Esperanto-aranĝoj en Pollando 1980

**Feriadoj**

| | | |
|---|---|---|
| 1-EPS | 1. 3. – 15. 3. 1980 | – Szczyrk apud Bielsko Biala – Feriado en Beskidy-montaro |
| 2-EPB | 28. 5. – 1. 6. 1980 | – Bydgoszcz–Torun- „Bydgoszcz-80“ V. Internacia Esperanto-Renkonto |
| 3-EPM | 1. 6. – 8. 6. 1980 | – Ustronie Morskie apud Koszalin V. Ĉebalta Esperanto-Printempo |
| 4-EPI | 21. 7. – 26. 7. 1980 | – Isterna–Koniaków III. Esperanto-Renkonto en Beskidy-montaro |
| 7-EPM | 16. 6. – 27. 6. 1980 | – Miedzyzdroje–Swinoujscie VII. Internacia Esperanto-Feriado |
| 8-EPM | 31. 8. – 14. 9. 1980 | – Miedzygorze XVI. Internacia Esperantista Feriado „Ora Pola Aŭtuno“ |

**Internaciaj Esperanto-kursoj en Pollando 1980 laŭ la programo aprobita de UEA**

a) Jelenia Gora é Wojcieszów – Jelenia Gora

| | |
|---|---|
| 11-EPW- 6. 1. – 13. 1. 1980 | 12-EPW- 13. 1. – 20. 1. 1980 |
| 13-EPW- 20. 1. – 27. 1. 1980 | 14-EPW- 27. 1. – 3. 2. 1980 |
| 15-EPW- 17. 2. – 24. 2. 1980 | 16-EPW- 24. 2. – 2. 3. 1980 |
| 17-EPW- 2. 3. – 9. 3. 1980 | 18-EPW- 9. 3. – 16. 3. 1980 |
| 19-EPW- 16. 3. – 23. 3. 1980 | 20-EPW- 23. 3. – 30. 3. 1980 |
| 21-EPW- 20. 4. – 27. 4. 1980 | 22-EPW- 27. 4. – 4. 5. 1980 |
| 23-EPW- 4. 5. – 11. 5. 1980 | 24-EPW- 11. 5. – 18. 5. 1980 |
| 25-EPW- 18. 5. – 25. 5. 1980 | |

b) Wroclaw – Piotrkowek apud Niemcza – Wroclaw

| | |
|---|---|
| 26-EPP- 20. 1. – 27. 1. 1980 | 27-EPP- 27. 1. – 3. 2. 1980 |
| 28-EPP- 30. 3. – 6. 4. 1980 | |

c) Wroclaw – Karolin – Wroclaw

| | |
|---|---|
| 29-EPK- 9. 4. – 16. 4. 1980 | 30-EPK- 16. 4. – 23. 4. 1980 |

ĉ) Varsovio–Bydgoszcz–Varsovio kun ekskursoj al Gdansk k. Torun

| | |
|---|---|
| 31-EPB- 20. 1. – 27. 1. 1980 | 32-EPB- 27. 1. – 3. 2. 1980 |
| 33-EPB- 3. 2. – 10. 2. 1980 | 34-EPB- 10. 2. – 17. 2. 1980 |
| 35-EPB- 8. 6. – 15. 6. 1980 | 36-EPB- 15. 6. – 22. 6. 1980 |
| 37-EPB- 22. 6. – 29. 6. 1980 | 38-EPB- 29. 6. – 6. 7. 1980 |
| 39-EPB- 6. 7. – 13. 7. 1980 | 40-EPB- 13. 7. – 20. 7. 1980 |

*Informoj ĉe Buroo de internacia Esperanto-interŝanĝo, str. M. Sklodowskiej-Curie 10, PL-85-094 Bydgoszcz*

---

**Materialo pri Lenin serĉata**

Por granda ekspozicio okaze de la 110-jara naskiĝdatreveno de V. I. Lenin Samarkanda Esperanto-klubo de Interpopola Amikeco urĝe petas sendi konvenajn ĉiulingvajn materialojn: verkojn de Lenin, fotojn de Lenin-monumentoj, de lokoj, kie li loĝis, de muzeoj, uzinoj, stratoj, lernejoj portantaj lian nomon, librojn, plakatojn, poŝtmarkojn pri li, nacilingvajn artikolojn de personoj konintoj V. I. Lenin k. t. p. Ĉiu sendaĵo rekompencota per belaj uzbekaj memoraĵoj!

Bv. direkti ĉion al la adreso de la prizorganto: Anatolo Ionesov, SU-703000 Samarkando, ul. Sovetskaja 53, Uzbekistano.

Propagandu ankaŭ nacilingve!

**Zur DDR-Nummer des „Paco" 1979 schreibt uns Herr Harald Micheel aus Erfurt:**

*Die DDR-Ausgaben des „Paco" waren schon immer besonders gut im Inhalt und Druck. Nachdem ich die diesjährige Nummer durchgelesen habe, kann ich sagen, daß es erneut gelungen ist eine beispielhafte Ausgabe herauszubringen, die den politischen Standpunkt der DDR im Kampf um Frieden und Völkerverständigung klarlegt und die bisherige Entwicklung unseres Staates aufzeigt. Dieser „Paco" ist ein Gratulationsbeitrag zum 30. Jahrestag der DDR, der wiederum international die Aufmerksamkeit auf die DDR und ihren beständigen Weg des Friedens bewirkt.*

*Sehr gut finde ich auch den Standpunkt zu Esperanto selbst, („Interna Ideo") da er gründlich durchgearbeitet die Sprache an den Platz setzt, wo sie hingehört.*

*Dieser Beitrag müßte Studien- und Aufklärungsmaterial für alle Esperantisten und die, die sich dafür interessieren, sein.*

*Auf Grund dessen ist diese „Paco"-Ausgabe ein gutes Werbematerial für den „Paco" selbst, eine politisch sehr gute Aussage über die DDR im 30. Jahr ihres Bestehens und somit für in- und ausländische Esperantisten eine empfehlenswerte Studiengrundlage.*

**En „Horizont"**

En la internacipolitika semajna revuo de GDR „Horizont" n-ro 39/1979 aperis artikolo de Alfred Bachmann el Karl-Marx-Stadt pri esperantista laborista korespondado dum la tempo de la unua kvinjara plano en Soveta Unio.

**Artikoloj de Peter Levsen en „Der Morgen" 1978**

El la plumo de Peter Levsen en 1978 aperis jenaj artikoloj en la taggazeto „Der Morgen":

410: Internaciaj planlingvoj (pri studoj aperintaj en GDR), 13. 1. 78
411: Por pli bona komunikado (Esperanto kaj scienco/Radio Moskvo), 27. 1. 78
412: Esperanto per Radio (Radio Moskvo), 10. 2. 78
413: Proverboj, 24. 2. 78
414: Internaciaj renkontiĝoj, 10. 3. 78
415: Proverboj, 31. 3. 78
416: Spertinterŝanĝo en Proprad (11a Konsultiĝo), 14. 4. 78
417: Scienca seminario en Ahrenshoop, 28. 4. 78
418: Proverboj, 12. 5. 78
419: Proverboj, 26. 5. 78
420: Diversaj informoj (Monda Festivalo en Havano, Böll en Esperanto)
421: Terminoj el la socialisma socio, 23. 6. 78
422: Terminoj el la socialisma socio, 7. 7. 78
423: La nova lernolibro (antaŭinformo), 21. 7. 78
424: Proverboj, 4. 8. 78
425: 63a UK en Varna, 18. 8. 78
426: Interlingvistika Konferenco en Budapest, 8. 9. 78
427: Denove pri la 63a UK en Varna, 22. 9. 78
428: Proverboj, 13. 10. 78
429: III-a Centra Renkontiĝo en Rostock, 27. 10. 78
430: L. Tolstoj — amiko de Esperanto, 10. 11. 78
431: Proverboj, 1. 12. 78
432: Trezoroj en bibliotekoj, 8. 12. 78
433: Sonbendoj kaj diskoj en Esperanto, 29. 12. 78

Sume 24 artikoloj (po 45 manuskriptaj linioj).
Ĝis la eldono de tiu ĉi numero en „Der Morgen" aperis ĉirkaŭ 470 artikoloj pri (kaj parte en) Esperanto, ege multflanka materialo, nepre uzenda de ĉiu esperantisto en GDR. Sekvu tiun serion. Ĝi aperadas (kun malmultaj esceptoj) ĉiun duan vendredon. Skribu vian opinion, kritikon kaj proponon pri la enhavo al la redakcio („Der Morgen", Redaktion, 108 Berlin, Joh. Dieckmann-Str. 47). Nur el la leteroj de legantoj la redakcio povas konkludi ĉu valoras daŭrigi la serion aŭ ne.

## Eĉ tio okazis

*Sub tiu rubriko ĝenerale aperas anekdotoj. Ĉifoje ni publikigas iun pli longan ol kutime.*

**Pierre Nemours „Le Général et l'Anti-Babel", Paris 1978**

1978 aperis en Parizo franclingva spionada romano sen rimarkebla literatura-estetika valoro, tamen iom interesa por esperantistoj, ĉar la leganto ekscias el antikomunista plumo pri puĉistaj intencoj en la internacia E-movado flanke de nia ŝtato, de GDR. Por ke ĉiuj eksciu, kiel GDR ĉion-ĉi faris, jen la enhavo por via amuziĝo: Du neesperantistaj spioninoj el Francujo alvenis al Varna okaze de (iu fiktiva) UEA-kongreso. Laŭ ordono de la ĉefo – la titola figuro, la „generalo" de ambaŭ – ili havas la taskon, preventi la „komunistan danĝeron por la universala lingvo" Esperanto.

La centra figuro estas internacia renomita, fama belga fizikisto, por kies sciencaj rezultoj interesiĝas diversaj imperialismaj okcidentaj sekretaj servoj, i. a. de NATO.

La sciencisto internacie batalanta por la mondpaco, partoprenas private la UEA-kongreson en Bulgario por kontakti sian francan amikon kiu gvidas la E-delegacion el Francio kaj mistere mortas pro spionoj el GDR (Jen, jen!).

Intertempe nia belga esperantisto publike subtenas rezolucion, iniciatitan de esperantistoj el ĈSSR kaj aliaj socialismaj landoj, kaj poste subite malaperas.

Ĉe la serĉo de la fizikisto nun la okcidentaj sekretaj servoj ekagadas kaj lin trovas en la manoj de la – laŭ partoprennombra – plej forta delegacio, alveninta ĝuste el GDR.

Finfine kun helpo de la menciitaj 2 francaj spioninoj (kiuj kompreneble estas ege belaj) li atingas la okcidentan kaj sekve tre ege liberan mondon.

El la aŭtora perspektivo, Esperanto rezistas kontraŭ ĉiuj komunistaj puĉistaj tendencoj. Kaj feliĉe la komunista danĝero estas energie likvidita.

La leganto (sufiĉe didaktike) tamen multon ekscias pri Esperanto kaj la E-movado, sed sub la domaĝaj aspektoj de la konstante kreskranta politikigo kaj la bedaŭrinda aboligo de la neŭtraleco en la mondo. Esperanto – iam kreita kiel kontraŭpezo – al la biblia urbo Babilono kun ĝia simptoma multnombra lingveco en la titolo nur estas titole menciita. La nur unufoja, verbale esprimita komparo ne montras literaturan aŭ estetikan signifon, ankaŭ ne montras simbolan aŭ artan funkcion, ĉar mankas iu ajn literatura formado en la romana strukturo.

Entute la romano pruvas, ke el nebulitaj verkistaj manipulitaj cerboj ĉio ajn povas elveni, eĉ tia „belaĵo" kiel tiu romano.

Por homoj orientiĝantaj en la antikomunisma grupo, la t. n. „Neŭtrala Esperanto-movado" kreita 1974, ne estos neinteresa la dediĉo, kiun la aŭtoro metis por sia „amiko André Bourdeaux kaj al ĉiuj esperantistoj". En averto la neesperantista leganto de tiaj stacidomaj romanoj ekscias, ke la sovaĝaj orientaj landoj plene prenis en siajn diktatorajn manojn la tutan mondan Esperanto-movadon. Nu jes, s-ro Bourdeaux kaj lia spionromana verkisto Nemours certe ĉion elspionadis. Pri la „romano" oni povas konkludi, ke ekzistas aferoj, kiuj ne ekzistas.

*Ingrid Erfurth*

## X Expertenseminar vom 17.-21.6.1980

Wie wir bereits in „der esperantist" 6/79 ankündigten, führen wir 1980 in Miersdorf bei Werder/Potsdam ein Seminar für sprachlich fähige Esperantisten durch. An diesem Seminar, das vollständig in Esperanto durchgeführt wird, können nur Esperantisten teilnehmen, die bereits über ein gutes Sprachniveau verfügen. Wir wollen uns also mit diesem Seminar an die „Experten" wenden. Es ist geplant, Spezialvorträge zu u. a. folgenden Problemkreisen zu halten:

— Geschichte der Bewegung um eine internationale Sprache
— Geschichte der Esperanto-Bewegung
— Struktur und Entwicklung des Esperanto
— die Esperanto-Literatur
— Grundfragen der Interlinguistik und Esperantologie
— zur Arbeit der Esperantisten in der DDR

Jeder Teilnehmer des Seminars kann eine Prüfung ablegen (also freiwillig) mit dem international üblichen Niveau C oder D.

Die Kenntnis folgender Literatur wird vorausgesetzt:

1. Jahrgänge des „Paco" (inkl. DDR-Ausgaben) 1975—1979
2. Jahrgänge „der esperantist" 1975—1979
3. „Esperanto: lingvo, movado, instruado" (Red. D. Blanke)
4. „Socipolitikaj aspektoj de la Esperanto-movado" (Red. D. Blanke)
5. H. Göhl: Ausführliche Sprachlehre des Esperanto
6. A. Pechan (Red.): Gvidlibro por supera ekzameno, Budapest 1979
7. V. Benczik (Red.): Baza Literatura Krestomatio

Die Titel 1—5 sind über den Zentralen Arbeitskreis erhältlich. Die Titel 6 + 7 können beim Ungarischen Kulturzentrum, 102 Berlin, Karl-Liebknecht-Straße 9, bestellt werden. Mit jedem Prüfungskandidaten wird ein 30-min. Prüfungsgespräch geführt. Außerdem ist eine schriftliche Arbeit anzufertigen. Anmeldungen sind formlos ab sofort an den Zentralen Arbeitskreis Esperanto (108 Berlin, Charlottenstraße 60) zu richten.

## Internaciaj Esperantisraj Ferioj ĉe Berlin

**De la 15a ĝis 27a de septembro 1980 Distrikta Laborrondo Esperanto Berlin aranĝas Internaciajn Esperantistajn Feriojn en la internacia kampadejo Krossinsee ĉe Berlin. La partoprenantoj loĝos en kabanoj. Por GDR-anoj unu lito en kabano por nokto kostas 10 markojn. Eksterlandano pagas 17 markojn. En unu kabano estas 3 litoj.**

**Aldone oni kalkulu potage 15 markojn por manĝajo (se mendita). Oni povas individue reguligi siajn nutradojn.**

**La programon de la Ferioj precipe la gastoj mem decidas (banado, sporto, promenado, laŭ individuaj gustoj). Krome okazos kelkaj prelegoj, seminarioj, organizitaj ekskursoj en la tre lago- kaj arbaroriĉan ĉirkaŭon kaj al Berlin. Oni akceptos nur parolkapablajn esperantistojn.**

**La nombro de la partoprenantoj estas limigita. Informojn kaj aliĝilojn petu ĉe BAK Esperanto, 1020 Berlin, Breitestr. 33/35.**

*Redaktas: Dieter Berndt*

# Legu kaj lernu! Lies und lerne!

Liebe Freunde!

Sie haben vielleicht einen Grundkurs für Esperanto besucht und beherrschen bisher nur die Anfangsgründe der internationalen Sprache. Wir wollen Sie bei Ihrem weiteren Studium etwas unterstützen und bieten Ihnen daher in jedem Heft leichte Lesestoffe. Wörter, die sich nicht im Lehrbuch befinden, werden erklärt. Weiterhin werden wir auf einige grammatische Erscheinungen aufmerksam machen.

Ihre Hinweise und Bemerkungen sind uns willkommen. Und nun an die Arbeit!

La redakcio

**... kaj fine ŝi konsentis**

Instruisto de lingvoj en Anglio kelkfoje faris amkonfeson al amata knabino. Sed ŝi ĉiam rifuzis ĝin. Finfine li decidis doni veran pruvon pri sia amo. Li elektis eksterordinaran manieron. Li komencis sendi al ŝi leterojn kun nur unu frazo: „Mi amas vin!“ Sed la frazo estis skribita en ĉiu letero en alia lingvo. Kiam la knabino ricevis leteron kun tiu ĉi amkonfeso en la cent dek dua lingvo, ŝi decidis fariĝi edzino de la instruisto. Bedaŭrinde ne ekzistas informoj ĉu inter la 112 lingvoj estis ankaŭ Esperanto.

**Kaj Esperanto?**

Kosmetikologoj en Peruo konstatis, ke homoj, kiuj parolas la anglan lingvon, ricevas pli frue faltojn en la vizaĝo. Tion kaŭzas la rapidaj kaj intensaj movoj de la vizaĝmuskoloj pro la akra prononco de la angla lingvo. La hispana lingvo estas pro sia moleco pli taŭga por la haŭto. Kaj Esperanto? Ni atendas la respondon de esperantistoj — kosmetikologoj.

**Klarigoj**

amkonfeso — Liebeserklärung, (Liebesgeständnis amo + konfeso);
rifuzi — ablehnen, verweigern;
pruvo — Beweis;
eksterordinara — außergewöhnlich (ekster + ordinara);
maniero — Art, Weise;
pli frue — früher, zeitiger, eher;
falto — Hautfalte, Achtung!: faldo — z. B. Falte im Stoff);
kaŭzi — verursachen;
intensa — intensiv, heftig;
muskolo — Muskel, (vizaĝmuskolo = Gesichtsmuskel);
prononco — Aussprache;
moleco — Weichheit, (mol-ec-o);
haŭto — Haut.

**Libertempaj deliktoj**

Al 32-jara arestito en Romo pro modela sinteno estis permesata plurfoje semajne forlasi la malliberejon por viziti sian familion. Laŭdon li ankaŭ ricevis, ĉar li ĉiam revenis je la preskribita tempo. Nun montriĝis, ke li dum la forpermesoj malpli zorgis pri sia familio ol kiel ĉefo de bando pri la organizado de aŭtoŝtelado.




## Filatelo kaj Esperanto

*D-ro Giso Brosche el Rückersdorf, distrikto Cottbus, iniciatis la apudan porokazan stampon kun la portreto de la romia kuracisto kaj filozofo Galenus. Poŝtaĵoj kun tiu stampo estas haveblaj ĉe li (7981—Rückersdorf).*

**Novaj poŝtaj E-stampoj**

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| AR | 4 | Rosario | 1973 19. 4. — 22. 4. | 18a nacia E-kongreso |
| BE | 15 | Verviers | 1977 februaro | E — Langue Internationale (ms) |
| BE | 16 | Borgerhout | 1978 7. 4. | E-ekspozicio |
| BRA | 27 | Sao Paulo | 1976 15. 12. | Tago de Esperanto |
| BRA | 28 | Marilio | 1978 17. — 22. 7. | Latinamerika E-kongreso |
| BU | 8 | Sofia | 1978 13. 7. | 63a Universala Kongreso (UTK) |
| BU | 9 | Tarnovo | 1978 22. — 29. 7. | 34a TEJO-kongreso |
| BU | 10 | Varna | 1978 29. 7. — 5. 8. | 63a Universala Kongreso |
| FRA | 43 | Grenoble | 1977 feb. — majo | 69a nacia E-kongreso |
| FRA | 44 | C. Ferrand | 1978 13. 3. — 15. 5. | Chanson Esperanto |
| GFR | 29 | Paderborn | 1977 28. — 29. 5. | Eŭropa Esperanto Kongreso |
| GFR | 30 | Augsburg | 1977 30. 7. — 5. 8. | 50a SAT-kongreso |
| GRE | 3 | Ateno | 1976 2. 8. | 61a Universala Kongreso |
| HI | 19 | Ferroll d. C. | 1976 21. — 24. 8. | 36a nacia E-kongreso |
| HI | 20 | Sabadell | 1977 20. — 24. 7. | 37a nacia E-kongreso |
| HU | 55 | Budapest | 1976 28. 12. — 2. 1. | 6a V E F |
| HU | 56 | Tatabanya | 1977 14. — 15. 5. | E-klubo 20-jara |
| HU | 57 | Zsombo | 1977 15. 5. | 9a pacrenkontiĝo |
| HU | 58 | Gyula | 1977 3. — 9. 7. | 15a S E U |
| HU | 59 | Abaliget | 1977 10. — 19. 7. | 10a I R E N |
| HU | 60 | H'hely | 1977 20. 7. | Medicina E-renkonto |
| HU | 61 | Budapest | 1977 15. 12. | Zamenhofa jubileo |
| HU | 62 | Budapest | 1977 28. 12. — 1. 1. | 7a V E F |
| HU | 63 | Budapest | 1978 14. — 16. 7. | 27a nacia E-kongreso |
| HU | 64 | Abaliget | 1978 17. 7. | 11a I R E N |
| IS | 1 | Rejkjavik | 1977 2. — 5. 8. | 62a Universala Kongreso |
| IT | 26 | Massa | 1976 19. — 20. 9. | 47a nacia E-kongreso |
| IT | 27 | Montagnana | 1978 13. 5. | Centenario Esperanto |
| IT | 28 | Cesena | 1978 4. 9. | 49a nacia E-kongreso |
| JA | 21 | Tokio | 1977 27. — 28. 8. | 90 jaroj de Esperanto |
| JU | 24 | Prilep | 1976 29. 7. | 20a nacia E-kongreso |
| JU | 25 | Ohrid | 1977 23. 4. | E-societo Skopje |
| PO | 117 | Czestochowa | 1977 18. 8. | 37a IKUE-kongreso |
| PO | 118 | Czestochowa | 1977 15. 12. | Esperanto — 90 jaroj |
| P | 1 | Coimbra | 1978 17. 6. | 6a portugala E-renkonto |
| RSM | 1 | San Marino | 1976 24. 7. | 10a ILEI-konferenco |
| RSM | 2 | San Marino | 1977 1. 9. | Kunveno E-filatelistoj |

# INFORMOJ

### Studenta interlingvistika prelegaro en Samarkand

En la kadro de la 38a Studenta Scienca Konferenco de Samarkanda Ŝtata Universitato, kiu okazis de 10. — 20. 4. 1979, funkciis aparta sekcio pri interlingvistiko kaj esperantologio. En tiu sekcio oni prezentis jenajn referaĵojn:

S. Ĥamrakulov: Esperanto kompare al naciaj lingvoj

A. Ionesov: Problemo de la internacia planlingvo en teorio kaj praktiko

J. Kocan: Planiteco kaj spontaneco en la lingvo

R. Jakubova: Rolo de Esperanto en la batalo de laboristaro

S. Kamalova: Frazeologio en Esperanto

L. Jermanova: Internacia lingvo Esperanto en medicino

F. Ŝadibajeva: Vasilij Jeroŝenko — poeto, esperantisto kaj socia aganto

G. Nuŝarova: E. A. Bokarev — la plej granda soveta sciencisto-interlingvisto

J. Pavlova: Baudouin de Courtenay kaj interlingvistiko

S. Klimenko: Redundanco en Esperanto

A. Ionesov: Sciencteknika revolucio kaj problemo de la internacia lingvo

(Laŭ informo de D. Berndt)

### Novaĵo el Moskvo

Je la fino de oktobro 1979 oni organizis la filatelan klubon „Esperanto" en la kadro de Moskva Filatela Asocio. La sidejo de la nova klubo estas en la Kultur-Palaco Metropolitena. Regule la unuan dimanĉon de ĉiu monato okazas la klub-vespero. Bonvolu sendi demandojn al la adreso: Lev Vulfoviĉ, Moskvo 103009, p. k. 886, k—9.

### Ĉu ekzistas Insulo „Esperanto"?

Insulo „Esperanto" situas meze de Danubo 5 km oriente de Orjaĥovo (NR Bulgario). Ĝi estis siatempe utiligita de la esperantistoj de la klubo „D-ro Zamenhof". 1930 la komunumo de Orjaĥovo kontrakte transdonis al la klubo la proprietrajton. De tiam okazadas sur la insulo aranĝoj de bulgaraj kaj eksterlandaj esperantistoj. Sur la vidalvida bordo de Danubo estas starigitaj feriohejmoj kaj vilaoj por la laboruloj de la urbo kaj multkolorigitaj dometoj por junpionira kampadejo.

G. Hertzberg

### Rote Parteifahne mit Esperanto-Inschrift

Während der „Dresdener Tage", die zum 30jährigen Jubiläum der DDR in Leningrad stattfanden, wurde beim Treffen der Parteiveteranen beider Partnerstädte als Geschenk u. a. die Kopie einer Fahne überreicht. Auf roter Seide ist goldfarben gestickt: Sub standardoj de Ruĝa Fronto — proletarioj de la mondo, unuiĝu vin! Al la 4a Taĉmento de Ruĝfrontbatalantoj en Dresden de la Centra Laborista Kooperativo Smolensk, majo 1929.

### Aktivaĵoj en Schwarzenberg

Ni ĉiuj scias, ke multo (ofte eĉ ĉio) en nia laboro dependas de la sindediĉa kaj kontinua laboro de unuopuloj. Eble ni ne sufiĉe skribas pri tio en „der esperantist". Sed ĉiu scias, kiel malfacile estas vere juste mencii ĉiujn niajn aktivulojn kaj ties ĉiutagan agadon.

Tamen, ni volas ĉi-loke mencii unu homon, kiu apartenas al la plej senlace kaj stabile agantaj: Rudolf Eichler el Schwarzenberg el la distrikto Karl-Marx-Stadt. Li estas ne nur unu el la plej agemaj esperantistoj, li ankaŭ **raportas** pri sia agado, kio bedaŭrinde ne ĉiam estas kutimo ĉe niaj aktivuloj. Jen kelkaj notoj:

— prelego antaŭ slovakaj esperantistoj dum septembro 1979 en Proprad

— gvidado de ĉiusemajna lingvokurso en Schwarzenberg

— publika lumbildprelego en Erzhammer, la 14. 11. 1978, pri la 63a UK en Varna, aranĝo komune organizita kun URANIA

— kurso por medicinaj laborantoj en Erlabrunn

— ekspozicio pri Esperanto en la junulara klubejo Schwarzenberg, vizitita de ĉ. 2000 homoj

— multaj intensaj rilatoj al esperantistoj, el niaj najbaraj landoj (precipe ĈSSR), kiuj jam ofte gastis ĉe la esperantistoj en Schwarzenberg

Al la esperantistoj en Schwarzenberg ni deziras pluajn sukcesojn.

### Esperantlingva Oybin-memoraĵo

En la mondkonataj Oybin-ruinoj oni ellaboris flanke de studentoj el la Inĝenier-Altlernejo Zittau, (Supra Luzacio), kiel memoraĵo kavaliran kaskon, fotografitan sur fotopapero kaj poste eltranĉita. Malfermante la vizieron oni vidas turneblan diskon kun priskriboj de sciindaj faktoj kaj datoj el la historio de Oybin. La teksto, kompilita de d-ro inĝ. Siegfried Illgen, jam estas tradukita en multajn lingvojn. Nun ĝi estas havebla ankaŭ en Esperanto. La tradukon faris la subdistrikta Zittaŭa Esperantogrupo „Trilandangulo".

O. Walter

# INFORMOJ

## 9-a plenkunsido de CLE

La 9an kaj 10an de novembro en Leipzig la membroj de Centra Laborrondo Esperanto en Kulturligo de GDR kunvenis al sia 9-a plenkunsido. Dum la dutaga kunsido oni omaĝis al la 30a datreveno de la fondiĝo de GDR kaj pritraktis la akcepton de la prezidio de Kulturligo ĉe la Generala sekretario de la CK de USPG kaj Prezidanto de la Statkonsilantaro Erich Honecker. Oni prezentis referaĵon pri la aktuala fenomeno de antikomunismo en la Esperanto-movado (precipe temis pri la t. n. „Neŭtrala Esperanto-Movado" sub spirita gvido de prof. d-ro Ivo Lapenna, iama prezidanto de UEA). Plue la plenkunsido diskutis la atingitan staton de la laboro de la esperantistoj en 1979 kaj akceptis la laborplanon por 1980. Prelegoj pri elektitaj problemoj de la gvidado kaj raportoj pri la Esperanto-kongreso 1979 donis bazon por diskuto.

Speciale agrabla estis la partopreno de bulgara delegitaro en la dua tago de la CLE-kunsido. La gastoj de DLE Leipzig, s-inoj Vasilka Kurteva kaj Fany Mihajlova kaj s-ro Jelev el Plovdiv informis pri la agado de la esperantistoj en Bulgario kaj aparte en la distrikto Plovdiv.

## Internacia distrikta renkontiĝo en Berlin

La 9a Distrikta Renkontiĝo de la esperantistoj el Berlin (GDR), la 18an de novembro 1979 fariĝis neatendite internacia. Post kultura programeto pli ol 20 eksterlandaj gastoj el 10 landoj, partoprenontaj la internacian seminarion „Socipolitikaj aspektoj de la Esperanto-movado" en Bad Saarow (vidu la raporton sur paĝoj 3—4) sinsekve salutis la 60 ĉeestantojn. En interesa diskuto la gastoj respondis. Surprize la samrajteco de la virinoj fariĝis unu el la ĉefaj diskutpunktoj.

Multdiapozitiva spektaklo kolora kun muziko, kiu donis impresoriĉan bildon pri la 30-jara GDR, tre bele kaj digne finis tiun kulminon en la vivo de la esperantistoj el Berlin.

## Zamenhof-solenaĵo en Leipzig

Okaze de la 120a naskiĝtago de la iniciatinto de Esperanto, d-ro L. L. Zamenhof, la Distriktaj Laborrondoj Leipzig kaj Halle organizis la 15an de decembro 1979 Zamenhof-solenaĵon, kiun partoprenis 57 esperantistoj el ambaŭ distriktoj. La pokalon „erudicia esperantisto" ĉijare gajnis la teamo el Halle. Porsolidareca bazaro kun aŭkcio de brokantaĵoj havigis al la solidareckonto 260 markojn.

## Neuerscheinung für den Kursusleiter

„Begleitmaterial für Kursleiter zum ‚Taschenlehrbuch Esperanto' von Till Dahlenburg und Peter Liebig", Berlin 1978, 74 S., von Dr. Till Dahlenburg.

Dieses Material gibt dem Kursleiter zahlreiche nützliche Hinweise, das Esperanto-Lehrbuch im Unterricht sinnvoll einzusetzen und behandelt darüber hinaus einige Grundfragen des Esperanto-Unterrichts.

Inhalt: Der Kursleiter und das Lehrbuch / Funktion und Inhalt der Handlungstexte / Besonderheiten des Esperanto-Unterrichts im Vergleich zum Unterricht in den Nationalsprachen / Die Verwendung des Esperanto als Unterrichtssprache — ein wirksames Mittel zur Erhöhung der Sprachbeherrschung / Die Aneignung des Wortschatzes / Fremdwörter der deutschen Sprache in ihrer Beziehung zur Esperanto-Lexik / Die Stellung der Grammatik im Unterrichtsprozeß / Vom Aufbau einer Unterrichtsstunde / Hinweise zu den einzelnen Lektionen / Wörterverzeichnis Deutsch-Esperanto.

Das Material ist sauber gedruckt und wird nur an Kursleiter und Lehrer abgegeben. Preis M 6,—. Erhältlich beim Zentralen Arbeitskreis Esperanto, 108 Berlin, Charlottenstraße 60.

## Radio 1978

Laŭ statistiko ellaborita de s-ro Georges Larglantier, redaktoro de la radiorubriko en nia revuo, en 1978 okazis 2 788 radio-elsendoj en la Internacia Lingvo (en 1977 estis 2 523 elsendoj).

Tiuj programoj disaŭdiĝis pere de 15 radio-stacioj (14 en 1977) en 11 landoj.

Ne temas ĉi tie pri nacilingvaj programoj dediĉitaj al Esperanto, sed nur pri regulaj elsendoj en la Internacia Lingvo. Tiuj elsendoj daŭris entute 1 018 horojn (947 en 1977), el kio pli ol duono ŝuldiĝis al la ĉiutagaj elsendoj de la Pola Radio.

(esperanto 1979 aprilo

## Neubrandenburg — Miskolc — Mlada Boleslav

Salutinda estas la plimultiĝo de rilatoj inter alilandaj kaj GDR-aj Esperanto-grupoj. Dum oktobro 1979 DLE de Neubrandenburg subskribis kontrakton pri kunlaboro kun la Esperanto-grupoj de Miskolc/Hungario kaj Mlada Boleslav/ ČSSR.

## INFORMOJ

**Seminario por 42 gejunuloj**

Ĝi estis la plej amasa ĝis nun, la seminario por junaj aktivuloj, kiu okazis de la 13a ĝis 16a de decembro 1979 en Thale/Harcmontaro. Oni aŭskultis prelegojn („Esperanto hodiaŭ", „Junularo kaj Esperanto", laborgrupoj pri varbado kaj praktika apliko de Esperanto), partoprenis lingvajn ekzercojn kaj eĉ ĝuis „la verdan kaldronon" (sonbenda mikso). Ne mankis debatoj, renkontiĝoj, dancoj kaj multo alia. Evidente, la junaj esperantistoj en GDR iom post iom plimultiĝas.

**Junulara renkontiĝo en Neubrandenburg**

Jam sian duan junularan renkontiĝon organizis la Distrikta Laborrondo Neubrandenburg. Partoprenis ĝin entute 35 personoj, inter ili 22 gejunuloj. El eksterlando ĉeestis reprezentantoj el Pollando (Szczecin) kaj Bulgario (Razgrad). La tuta konferenco estis gvidita de distrikta junulara aktivo. Partoprenis la aranĝon Michael Lennartz, prezidanto de la Junulara Komisiono de CLE.

**Metodika seminario**

30 gvidantoj aŭ gvidontoj de Esperanto-kursoj partoprenis metodikan seminarion de CLE de 5. — 9. 12. 1979 en Buckau ĉe Berlin.

**En Riga**

En februaro 1980 Riga Esperanto-Klubo organizos vesperon dediĉotan al la ĝemelurbo de Riga — urbo Rostock kaj GDR.

Bonvolu ĝis 1. 2. 1980 sendi materialojn por la ekspozicio (bildkartojn, diapozitivojn, librojn k. a.). Ni volonte akceptos korespondproponojn kaj leterojn. Respondo garantiata. SU 226 098 Latvia SSR, Riga-C, Riga Esperanto-Klubo.

**La unua CIEL**

De la 11a ĝis 28a de aŭgusto 1979 funkciis la unua Centra Internacia Laborbrigado en Békéscsaba (Hungario).

La 200 partoprenintoj, venintaj el 13 landoj, preskaŭ ĉiuj estis 16 ĝis 25-jaraj.

12 tagojn ni laboris en konservofabriko, ĉiutage de la sepa kaj duono ĝis la dekkvara horo. Ekzistis diversaj laborgrupoj. Nia grupo tranĉis paprikojn.

Preskaŭ ĉiuvespere estis programo: fajfkoncerto, prezentoj de la pantomimgrupo, dancado, naciaj vesperoj k. t. p. Ni ankaŭ faris ekskursojn: por unu tago al Gyula kaj tri tagojn al Budapeŝto.

Kompreneble ekzistis problemoj. Sed estis ja la unua CIEL kaj espereble tiuj malfacilaĵoj ne plu estos troveblaj en la dua, tria, kvara . . . CIEL.

Mi povas rekomendi la partoprenon en venontaj CIEL al ĉiuj junaj esperantistoj, kiuj sufiĉe bone parolas la lingvon. Ili trovos tie la eblecon renkontiĝi kun multaj esperantistoj diverslandaj sen elspezi multe da mono. Se vi ŝatus partopreni kaj havas dubojn pro malsufiĉa lingvoscio mi rekomendas diligente ekzerci la lingvon. Ankoraŭ estas sufiĉe da tempo!

Informojn donas: Renate Ziepert, 69 Jena, Dornburger Straße 28.

(Laŭ materialo de Renate Ziepert)

**Aktiva kemiisto**

S-ro Jan Pioro (Rejastr. 15/19, PL-05-820 Piastow) estas terminologo okupiĝanta pri kemia nomenklaturo en Esperanto. Li verkis diversajn materialojn, i. a. pri kemiaj afiksoj en Esperanto, kiuj poste aperos presitaj.

Kemiistoj interesataj pri tiuj problemoj bonvolu kontakti s-ron Pioro.

**En „mb" 4/79**

„mb", tio estas „Mitteilungsblatt des Kulturbundes der DDR" estas periodaĵo aperanta ĉiun duan monaton. Ĝi entenas multajn informojn pri la multflanka agado de Kulturligo en ĝiaj pli ol 40 fakoj.

En n-ro 4/79 ni trovas diversajn informojn pri la agado de la esperantistoj: pri „Paco" 79 (p. 2), fondo de la Soveta kaj Kuba Asocioj kaj pri renkontiĝo de eks-LEA-anoj (p. 12), pri la nova lernolibro, pri la traduko de la Boell-rakonto kaj pri aranĝo de hungaraj esperantistoj en Berlin kaj Leipzig (p. 14).

**Artikolego en „Wochenpost"**

La semajna revuo de GDR „Wochenpost", kiu aperas en 1,5 milionoj da ekzempleroj, publikigis en sia numero 50/1979 ampleksan artikolon „Spricht man noch Esperanto?" (Ĉu oni ankoraŭ parolas Esperanton?) de Sabine Herklotz. La artikolo estas modela el ĵurnalisma vidpunkto kaj tre sobre kaj efike prezentas la problemon de la internacia lingvo kaj la aktualan rolon de Esperanto.

**En „Neue Deutsche Presse"**

Jam la duan fojon en la organo de la ĵurnalistoj de GDR aperis artikolo pri Esperanto, en n-ro 11/1978.

**Prelego en Pedagogia Altlernejo**

La 6an de novembro 1979 prelegis la membro de CLE, Dieter Dungert, en la studenta klubo de la Pedagogia Altlernejo en Magdeburg pri Esperanto. Partoprenis la prelegon i. a. lingvistoj kaj altlernejaj lingvoinstruantoj.

## RECENZOJ

**Sciencaj Komunikajoj 1978, aldono de Budapeŝta Informilo, 100 p., formato 23,4 × 16,6 cm, prezo 40 forintoj.**

Temas nun jam pri la kvara kajero el tiu serio, kiu, kvankam oficiale nur aldono de Budapeŝta Informilo kaj kiel tia senkosta (!) por la abonantaro de BI, fakte estas memstara esperantlingva revuo, aperanta regule unufoje ĉiujare, kun sciencaj respektive popularsciencaj artikoloj el plej diversaj fakoj, kiu esence riĉigas la sciencan literaturon esperantlingvan.

Por reliefigi la multvariecon de la enhavo de tiu revuo, nepre necesas listigi minimume parton de la artikoloj. Pri „Spertoj kaj proponoj pri la aplikado de Esperanto en la sciencoj kaj fakoj" skize skribas d-ro Haszpra. Ampleksa artikolo nepre diskutinda kaj eĉ diskutenda de Karel Piĉ temas pri „Perspektivoj de la Ilustralo" (t.e. PIV).

El la „Terminologia diskuto" pri la problemo, ĉu komputilo, komputoro, komputero aŭ alia termino estas la ĝusta, ni prenu almenaŭ la instruon de A. Münnich, ke pri fakterminoj nepre decidu fakuloj de la koncernataj fakoj. Plua kontribuo al lasttempe verve diskutata prilingva temo estas la artikolo „La sistema esperantigo de la loknomoj". Legenda certe estas la ampleksa popularscienca artikolo „La origino de la arto ĉe la prahomo" de B. Golden same kiel „Esplorrezultoj kaj hipotezoj pri la estiĝo kaj esenco de la vivo" de d-rino Gál kaj d-ro Mészáros. La en tiu ĉi revuo tradicie fortan medicinan parton (pro la forteco de la budapeŝta fakgrupo de E-medicinistoj!) formas artikoloj pri salmonelo-infektoj, neŭroleptanalgezio, diagnozo de tumoro de hipofizo, paradontopatio, amiloidozo kaj forigo de limfonodoj. Eĉ socipolitika artikolo ĉi-foje enestas, nome „La Fina Akto de la konferenco pri sekureco kaj kunlaboro en Eŭropo kaj la homaj rajtoj". Krom tio kontribuajoj pri nomografio, signaj nombroj kaj magiaj kvadratoj, fadenoptiko (bedaŭrinde erare interŝanĝiĝis fig. 1 kaj 3), organika geokemio, nutrajscienco, nikotino kaj internaciaj riveroj formas la varian enhavon.

Sciante, ke tio estis malpli recenzo ol listigo de la enhavo, mi tamen pensas, ke ĝuste tia prezento necesis por montri, kian gravan laboron daŭre faras la ĉefredaktoro d-ro inĝ. Ottó Haszpra kaj liaj multaj kunlaborantoj sur la kampo de la antaŭenigo de Esperanto kiel lingvo de scienco kaj tekniko. Do, legu mem!

Dungert

**„La Mastro de Korboja"**

Duoblan jubileon povis festi la eldonejo „Eesti Raamat", en la 1975-a jaro. Antaŭ 450 jaroj aperis la unua estonlingva presaĵo, kaj nun tuj post la 1975-a jaro la unua ampleksa esperantlingva romano „La Mastro de Korboja" de A. H. Tammsaare, el la estona lingvo tradukita de Benita Kärt kaj redaktita de Henrik Seppik. Antaŭ la okuloj de la leganto estiĝas vivoplena lirika bildo de la Nord-Estonia kamparana vivo dum la jaroj post la unua mondmilito. Sur praarbara fono estas pentrita la emociiga amo inter Villu de Kathu, Evi el la kabano de Kuusiku kaj Anna de Korboja. Oni ne scias, kiun pli kompati, ĉu Evi, la malriĉan junulinon, havanta infanon de Villu, ĉu la mastrinon de Korboja jam ek de la junaĝo senkonscie amanta Villun, aŭ Villun kiu ne kapablas decidiĝi inter la du amindaj virinoj.

La ravigaj priskriboj de la naturo kaj de la brile multkolora johantaga fajro iom mildigas la dramecan evoluon de la tragedio. La romano ricevas per oftaj ripetadoj (kvazaŭ refrenoj) popolkantajn trajtojn, kiuj bone adaptiĝas al la poezia pentrado de la vivo. La klareco de la traduko estas laŭdinda. Tamen mirigas min la uzado de la prepozicio „de" post la verbo „demandi", kio jam delonge ne plu estas kutima. Laŭ socia kaj etnografia vidpunktoj tiu ĉi verko estas inda kontribuo al la Esperanto-literaturo. Mi tre ŝatus ankaŭ konatiĝi kun aliaj romanoj de Tammsaare, kiuj estas „Vivo kaj amo" (1934), „Mi amis germaninon" (1935), „La nova satano de ursangulo" (1939).

A. H. Tammsaare (kun civitana nomo Anton Hansen), diversflanka epikulo, naskiĝis 1878 en nordestona kamparana familio. Post gimnaziaj jaroj en Tartu li komencis sian literaturan agadon kiel prozisto kaj ĵurnalisto, kaj studis juron. Kiel unu el la plej famaj estonaj prozistoj li mortis 1940 en Tallinn. Liaj sociaj kaj filozofiaj konceptoj, profunde influataj de la kriza stato dum la unua mondmilito, kapabligis lin, forte spirite kritiki la burĝan socion kaj poste akre opozicii kontraŭ faŝismo.

Havebla ĉe CLE: 2 M. H. Sauerbrey

## RECENZOJ

**Pierre Janton:**
**Einführung in die Esperantologie**

Aus dem Französischen übersetzt von Günther Becker und Maria Becker-Meisberger, Georg Olms-Verlag Hildesheim, 1978, 104 p. 210 × 145 mm

La franca lingvisto, profesoro Pierre Janton el Clermont-Ferrant 1973 publikigis en la konata franca serio „Que sais-je?", Presses Universitaires de France (Paris), kiel n-ro 1511 verketon sub la titolo „L'Espéranto". Ĝi ricevis bonajn recenzojn. Günther Becker kaj Maria Becker-Meisberger entreprenis la tre dankindan taskon germanigi la verketon, kiun 1978 eldonis Georg Olms Verlag.

La sama eldonejo jam reeldonis 1973 P. E. Stojan: „Bibliografio de internacia lingvo" kaj 1978 Louis Couturat/Leopold Leau: „Histoire de la langue universelle" (la eldono de 1907 + „Les nouvelles langues internationales" 1907).

La libro resumas kelkajn ĉefajn pazigrafiojn kaj pazilaliojn (planlingvojn), montras evoluo-tendencojn en la projektoproduktado kaj finfine prezentas diversajn aspektojn de Esperanto kaj ĝia movado. Elirante de la idealoj de Zamenhof (i. a. la „interna ideo") Janton skizas kelkajn trajtojn de la „esperantismo" kaj fine, en la ĉefaj partoj de la libro, priskribas la lingvon mem (ekesto, sonoj, vorto, frazo, evoluo kaj esprimeblecoj).

Ĉe la fino de la libro oni trovas ĉapitrojn pri la literaturo kaj la nuntempa Esperanto-movado.

La tuto impresas al scianto pri la temo iomete supraja, sed donas al la laikoj tre bonan superrigardon. Kaj por la lastaj ĝi estas destinita.

Frapas la malabundo de fonto-indikoj (referencoj) kiuj povus ebligi enprofundiĝon en la temojn.

La literaturlisto ĉe la fino estas iom kurioza kaj ne donas fidindan superrigardon. (Ĉe „Esperantologio" ekz. mankas gravaj verkoj de Neergaard, Drezen, Szerdahelyi.)

La titolo mem erarigas, ĉar ne temas pri „enkonduko en la esperantologion". Temas simple pri tio, kion ja celis la franca originalo, nome skiza superrigardo pri Esperanto, ĝia ekesto, strukturo kaj apliko. Kaj kiel tio la libro estas tute bona kaj rekomendinda.

D. Blanke

**Erudicia libreto pri Esperanto**

John C. Wells: Lingvistikaj aspektoj de Esperanto, Universala Esperanto-Asocio (Centro de Esploro kaj Dokumentado pri la Monda Lingvo-Problemo), Rotterdam 1978, 76 p., 23 cm, plastumita kovrilo. Unu el la malmultaj profesiaj lingvistoj en la Akademio de Esperanto estas la lekciisto pri fonetiko en la Universitato de Londono (University College) John Wells. Kiel novaĵo en la programo de Universalaj Kongresoj 1976 dum la 61a UK en Ateno oni povis aŭskulti prelegserion de li pri „Lingvistikaj aspektoj de Esperanto". Tiu materialo, zorge prilaborita, aperis 1978 ĉe UEA (Centro de Esploro kaj Dokumentado pri la Monda Lingvo-Problemo, CED).

Diference al Janton, el kies plumo antaŭnelonge ankaŭ venis valora lingvistika verko (Pierre Janton: Einführung in die Esperantologie, Hildesheim 1978) Wells ofte metas Esperanton en la buntan spektron de diversaj lingvoj de la mondo kaj, komparante kun ili elstarigas certajn trajtojn de la planlingvo en la ĉapitroj Fonetiko, Morfologio, Sintakso, Leksiko kaj Semantiko. Ĉiuj ĉapitroj enhavas bibliografiajn indikojn.

Tre utilaj estas la 110 lingvistikaj terminoj ĉe la fino, kiuj estas ie en la libro difinitaj aŭ klarigitaj. La libreto ne donas kompletan lingvistikan superrigardon pri Esperanto, sed prezentas kelkajn ĉefajn trajtojn. Ĉiu esperantologie iom interesita esperantisto bezonanta lingvistikan (ne nur lernejgramatikan) scion pri Esperanto, nepre studos tiun klare skribitan libreton kun multe da profito.

D. Blanke

**Libro el Rumanio**

La Kolektivo Esperanto-Interlingvistiko ĉe la filologia fakultato de la Universitato de Timisoara/Rumanio eldonis 280-paĝan libron „Lucrări practice de Esperanta-Interlingvisticá", redaktita de prof. d-ro Ignat Florian Bociort. La verko entenas tekstojn pri teorio de interlingvistiko, ekzercaĵojn, diverstemajn artikolojn, specimenojn el la rumana literaturo kaj vortaron rumana/Esperanto / Espranto/rumana.

**Malgranda laborista biblioteko**

De 1974 — 1978 aŭstraj komunistoj eldonadis bultenon „Internaciisto" kun tre interesa politika enhavo. Tiu bulteno ne plu aperas. La redakcio de „Internaciisto" tamen daŭrigos la eldonon de modestaj sed enhavoriĉaj broŝuretoj kun aktuala enhavo. Ĝis nun da ili aperis 30 numeroj. N-ro 29, ekzemple titolas „Liberigita Kampuĉeo" kaj informas pri la situacio en tiu lando (Redakcio: F. Haiderer, Selma-Lagerlöf-Gasse 23/6, A-1100 Wien).

# KORESPONDDEZIROJ

31635

## Belgio

August Verswyvel, Kastanjeweg 33, 2850 **Keerbergen,** (41j.), dez. kor. tutmonde p. ĉ. t., prec. pri vivo, naturo, filosofio, Esperanto

## Bulgario

Oficistino, 40j., dez. kor. p. ĉ. t., kol. bk, pm, E-librojn, gramofondiskojn: Marijka Siderova, 5500 **Loveĉ,** Bl. „Montag — 1" vh. G, ap. 4

Juristino, 36j., dez. kor. p. ĉ. t. tutmonde: Liljana Ivanova, 5000 **Veliko Târnovo,** poŝtkesto 116

Lernanto, 18j., dez. kor. k. geamikoj el GDR: Stojan Petkov Stojanov, 4210 **Stambolijski,** Zavodska 5, bl. 1, ap. 7

## ĈSSR

Josef Vitovec, 389 01 **Voduany 875/II,** dez. kor. tutmonde, kol. pm, bk

E-gazetojn kol., duoblajojn interŝanĝas: Zdeněk Hrŝel, Botanická 28, 602 00 **Brno**

## Hungario

Geofiẑikisto dez. kor. k. ĉiuspecaj fakuloj, laborantaj en la kampo de la geofiziko: András Lukács, **1117 Budapest,** Budafoki ut. 81. II. 8

Lajos Vajo, **2040 Budaörs,** Lèvai str. 33. VII. 68. (19j.) dez. kor. k. knabino p. ĉ. t.

Gabor Juhász, **5720 Sarkad,** Ik Bojti u. 7, dez. kor. k. geamikoj el GDR

Lernantino, 12j., dez. kor. k. gelernantoj: Erika Kovács, **1131 Budapest,** Thälmann 22/c, I. 118

## Sovetunio

E. V. Markov, 640 000 **Kurgan,** Poĉtamt, do vostrebovanija, dez. kor. k. geesperantistoj el Leipzig

17j. junulo dez. kor. tutmonde pri lingvoj, fotografado, historio, kol. pm, bk: S. A. Paravin, 683 019 **Petropavlovsk-Kamĉatskij,** Automobilistov 51—73

Edgar Homiĉ, ab. jaŝ. 4, 350 000 **Krasnodar,** dez. kor. tutmonde pri muziko, literaturo, historio, popolkutimoj, kol. bk, kalendaretojn, esperantajojn

Elektromekanikisto, 27j., dez. kor. tutmonde p. ĉ. t.: Boris Samoilenko, 354 000 **Soĉi,** Poste restante

Inĝ.-ekonomistino, 27j., dez. kor. tutmonde, p. ĉ. t.: Tamara Mironceva, 330 001 **Zaporojje,** str. Vossoje-dinenija Ukraini 18—2

Inĝ.-ekonomistino, 22j., dez. kor. p. ĉ. t.: Natalia Jaremĉenko, 330 001 **Zaporojje,** str. Poledi 50—30

Esperanto-veteranino dez. kor. k. E-veteran(in)o: Nina Nikolajevna Reŝetnikova, 335 007 **Sevastopol,** str. Gogola 57, kv. 7

Junulara Esperanto-Sekcio el Tallinn serĉas kontaktojn kun samideanoj tutmonde. Bv. skribi al Tonu Hirsik, Akadurwa tu – 9, 200 016 **Tallinn,** Estonio

Pille Korn, 200 009 **Tallinn,** Pärnade 28–4, Estonio, (15j.), dez. kor. p. ĉ. t. kol bk alumetetikedojn, pupojn, aŭtomodeletojn

Marika Vinni, 200 015 **Tallinn,** Vanemuise 31/2 – 4, Estonio, (15j.), dez. kor. p. ĉ. t., kol. insignojn

Anne Matsina, 200 016 **Tallinn,** Leina 23-1, Estonio, (15j.), dez. kor. p. ĉ. t., kol. bk, insignojn

Kristel Kivilo, 203 054 **Laagri,** Tuleviku 2-7, (15j.), Estonio, dez. kor. p. ĉ. t., kol. kolorajn bk

Mati Kröönström, 200 016 **Tallinn,** Sölme 21, Estonio, (15j.), dez. kor. pri futbalo, kol. futbalrevuojn

---

**Herausgeber: Kulturbund der DDR (Zentraler Arbeitskreis Esperanto)**
**Redaktion: 108 Berlin, Charlottenstr. 60**
**Fernruf: 2 20 29 91**
**Verantw. Redakteur: Dr. Detlev Blanke. Redaktionskommission: Hans Heinel, Werner Pfennig, Rudolf Hahlbohm, Ludwig Schödl. – Veröffentlicht unter der Lizenz-Nr. 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. – Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf.**
**Druck: Druckwerkstätte Glauchau**
Artikel-Nr. (EDV) 7928 III-12-8 99